# INFORMILO POR AMIKA RONDO DE ESPERANTAĴ-KOLEKTANTOJ




Nr. 8. 1. 3. 1970. Dua jaro nr. 3

S-ro Jean Amouroux skribas pri:

1) Poŝta Kontor-stampo Roma 1935

□ Antaŭ kelke da tempo mi akiris ĉe ne-esperantisto unu karton elsendita de la 27-a UK en Roma 1935. La poŝtmarkoj estas nuligataj per la porokaza datostampo (IT 1) - bedaŭrinde estas la stampoj ne perfekte legeblaj. Sed sur la karto oni ankaŭ vidas la faman du-linian stampon, pri kiu estis raportata en Fenikso nr. 4. Kaj ankaŭ mia ekzemplero aspektas poŝta.

Pri tiu mistera stampo mi skribis al pluraj eminentaj filatelistoj (aŭ pli trafa: markofilistoj), ĉar mi dezirus havi nedubeblan pruvon, ke ĝi estas vere poŝta.

Eminenta, itala kolektanto, membro de la itala asocio de poŝthistorio kaj de la internacia asocio de poŝthistorio, kies sidejo estas

en Parizo, respondis i.a. : La du-linia stampo sen dato estas poŝta kaj oficiala, sed ĝi ne estas uzebla por nuligado de poŝtmarkoj. Rimarku ke la stampaĵo estas farita per metala stampilo ne kaŭĉuka. (Tiaj metalaj stampiloj sen datoj estis uzataj en poŝtkontoroj kiel "loko-indiko" ekz. sur skribaĵoj, kvitancoj k.c. Kaj oni ŝajne ankaŭ havis tiaspecan stampilon en la provizora kongreso-poŝtkontoro. Sed ĝia ĉi tiea uzo kiel "ornamstampo" sur poŝtkarto estas laŭ poŝtfaka vidpunkto nenecesa kaj ne-komprenebla, ĉar la nuligstampo "klare" indikas, ke temas pri speciala poŝtekspedicio.Red.)
Alia pruvo pri la poŝta deveno estas, ke ŝajne la sama stampinko estis uzata por ambaŭ stampaĵoj -- la nuliga kaj la "apuda".
Post tiuj konstatoj de fakulo mi nun akceptas la konkludon, ke la koncerna stampo estas vere poŝta.- Tamen, laŭ mia opinio, ĝi ne povas esti konsiderata kiel "apudstampo" laŭ filatela vidpunkto. Ĝi estas speco de kontorstampo - ĉi tie neregule uzita.
(Almenaŭ ĝi estas ekzemplo de uzo de Esperanto en la poŝta praktiko - ekster la ordinaraj nuligstampoj. Per aliaj vortoj: ĝi estas Esperantaĵo kolektinda de Esperantistoj. Komparu la polan stampon en Fenikso nr. 4, pĝ 60. Ŝajne oni ne rajtas vicigi ĝin kune kun la aliaj poŝtstampoj. Red.)

2) Pri la angla Jamboreo-stampo

Mi donas al vi konfirmon por la skolta stampo uzita en Hockley en 1968. Mi ĉi-ene sendas fotokopiojn de mia materialo pri ĝi ĵus akirita. (Dankon, sed tro multe por reprodukcio en Fenikso. Red.) Estas kopio de angla pres-artikolo titolita "Special poŝtmark" (Southend Pictorial, july 26. 1968). Ĝi anoncas la oficialan poŝtuzon de la du-lingva stampilo.
Je tiu okazo estis eldonataj 1 koverto kaj 1 karto, sed nur la stampo rilatas al Esperanto.

Memkomprenebla tiu stampo devas havi privilegian lokon en niaj kolektoj, ĉar - grave por la propagando - ĝi pruvas ke ne nur en samideanaj eventoj Esperanto estas ankaŭ uzata.

3) Pri hungaraj Esperanto poŝtstampoj

Antaŭnelonge sufiĉe abundas Esp.poŝtstampoj de Hungarujo, kiuj ĝis nun mankis en multaj kolektoj; ekz. Szentes 1941, Orosháza 1946 ktp.. Mi havis la okazon vidi kelkajn ekzemplerojn de la koncernaj stampoj, kaj, nun mi ekhavis la opinion, ke iu ruzulo sukcesis aranĝi "filatelaĵojn" dank'al la komplezemo de iu oficisto de la hungara poŝtmuzeo. - Pri simila afero, sed por ĉeĥa stampo, jam estas raportita en Renikso nr. 5.

Mi estas nun konvinkita, ĉar:

a) estas iom stranga, ke stampoj, kiuj ĝis nun estis vere raraj, nun estu proponataj en multaj ekzempleroj.

b) ankoraŭ pli stranga estas, ke stampoj el kelkaj 30 malsamaj jaroj estu sur kovertoj, kiuj havas la saman aspekton.

c) Fine la origina inkkoloro de la unua hungara E.stampo estas blua, sed mi vidis kelkajn ekzemplerojn je nigra koloro.

-

Ĉu kelkaj AREK-anoj jam rimarkis tion? Ĉar tiaj filatelaĵoj ne estas aŭtentikaj, ĉu tamen ili estas kolektindaj ?

Ni devus averti niajn samkolektantojn, por ke ili ne aĉetu "postefaritajn filatelaĵojn" je alta prezo.

Jean Amouroux

-

Se oni "fabrikas" tiajn stampojn kaj prezentas ilin kiel aŭtentikajn, tiu ago estas trompo.

Alie, se oni vendprezentas ilin kiel "represoj" por modesta prezo. Ĉar multaj kolektantoj eble preferus havi tiajn similaĵojn en sia albumo anstataŭ la malplenan lokon.

Kiel laste dirita, ĝi povas havi valoron por kelkaj esperantistaj entuziasmuloj kiel memoraĵo, - sed pri "filatelaĵo" ne estas parolo.

- oOOo - Red.

---

## Aldono al la membrolisto

27. Jánis Rukŝáns
Blaumana 21 - 20
Riga 11
Latvio
U.S.S.R

Kol: Pm Sta Glm Pk

36. ..uşetel Alexandru Prodănescu
C.P. 5817,
Bucuresti 61. Rumanio

Kol: Pm UTK Sta Pk Ins Glm Alumet-etik

Karaj Arekanoj!

Ni povus ja akcepti ankoraŭ 4 novajn membrojn en la nuna jaro 1970, ĉar ni altigis la membrokvoton al 40.

Mankas ankoraŭ membroj ekz. en Britujo, Belgujo, Finnlando, Svislando kaj de ĉiuj landoj ekster Eŭropo.

Ĉu iuj de vi en tiuj landoj havas kolektamikon, kiun vi povas rekomendi por membriĝo?

Ivar Paulsson
Afergvidanto

---

Anonco:

Se iuj de vi posedas glumarkojn, laŭ mia katalogo nr: 39, A48, 116, 131, 150, 198, 202, 249, 351, 354, 365, 461, 440, 556 kaj 582, mi volonte pruntus ilin por fotokopiado.

Estas tiel enuiga, ke mi neniam vidis ilin.

Ano nr. 2. Reinhold Jensen

## STAMPO-SERVO

IMFORMOJ. (skribita por nr. 7, sed malfruiĝis)

Postrigardanta unuan jaron de ekzisto de la Stampo-servo mi povas konstati, ke mi ne eraris kalkulante kun helpo de ĉiuj anoj, - sen kio mia laboro estus utila nek por klubo nek por membroj. Mi dankas al tiuj anoj, kiuj subtenis Stampo - servon per donacitaj stampoj, (laste multaj venis de s-ro Bielak, kelkaj de s-roj Lakemond kaj Andrejeviĉ), same bone helpis membroj, kiuj prizorgis nove aperintajn stampojn por la novaĵ-servo en sufiĉa kvanto. Bonan ekzemplon donis al ni s-ro Chappelier el Francujo, kiu partoprenis italan kongreson en Como kaj sen longa hezitado-demandado prizorgis la kongres-stampon ankaŭ por ni. Lian servon certe alte taksas tiuj, kiuj ĝis hodiaŭ vane serĉas pasintjaran Montecatini, ĉar italaj stampoj pro manko de kunlaborantoj ĉiam estas problemo.

La bilanco de Stampo-servo montras 2 pozitivajn rezultatojn:

1) el novaj 18 E.stampoj en 1969 mi povis kontentigi membrojn per 17 el ili, kvankam kelkfoje kun granda malfruiĝo. La plej granda problemo estis ĉiuj 3 hungaraj stampoj, - kaj ĝis nun la novaĵ-servo "ŝuldas" al vi stampon de Abaliget.

2) mi povis transdoni al s-ro Jensen 140 IRK kaj esperas per tio parte plenumi mian promeson kaj celon de mia klopodo: helpi finance al pli ofta aperado de Fenikso.

Nur mi iomete subtaksis, ke Stampo-servo postulos tiom de mia tempo, kaj la membroj devis foje atendi pli longe respondon je la mendoj. Laŭ nuna stato de aliĝintoj por novaĵ-servo mi dissendas de nova stampo 18 kovertojn kaj 6 poŝtkartojn, do vi povas eble imagi al vi la kvanton de poŝtaĵoj, kiujn mi devas ekspedi.

Mi petas vin ĉiujn, helpu al la klubo en la nova jaro same diligente, kaj la klubo helpos al vi. Konstante mi akceptas donacojn el viaj superfluaj duoblaĵoj, kiuj povos plezurigi alian kolektanton, kaj ĉefe: informu pri novaj stampoj kaj helpu ilin prizorgi por ni ĉiuj.
Ankoraŭ mi volas atentigi, ke vi kompreneble povas resendi, se vi en novaĵ-servo ricevos stampon, kiun vi jam posedas kaj ne bezonas.

Frank Tichý

Esperanto-stampoj 1968. (Aldonoj)

Krom la en Fenikso nr. 7 priparolita brita stampo de 6-a Skolta Jamboreo en Hockley oni ankaŭ devas rimarki, ke:
ek de 1/11 1968 uzas s-ro Helmut Sonnabend, prezidanto de Asocio de Germanaj Esperantoinstruistoj, afrankstampon en urbo Dollbergen, DBR.
La stampo en ruĝa koloro havas krom la ronda datstampo kaj indiko de la afranko en kvarangulo dekstre - ankaŭ enskribon: "Esperanto, la internacia lingvo - Helmut Sonnabend, 3161 Dollbergen, Im Eckerkampsfeld 11a".

Esperanto-stampoj 1969. (Daŭrigo)

17) Szczecin 2 Pollando 6-12/10. 1969
Senfina maŝinstampo (bendstampo) por propagando de la 13a internacia semajno de korespondado. Inter la rondaj datostampoj estas alterne: kvarangula stampo kun aviadilo kaj globo kaj teksto en pola kaj internacia lingvoj, kaj stampo kun 6 ondolinioj.

18. Bialystok 1. Pollando. 15/12 1969.
okaze de la 110-a datreveno de la naskiĝo de D-ro Zamenhof. Ronda stampo kun stelo kaj portreto.

19) Verŝajne en jaro 1969 aperis nova afrankstampo kun E.teksto, kiun ni povas envicigi

en nian kolekton. Uzis ĝin IABO, Internacia Asocio de Bibliistoj kaj Orientalistoj en Ravenna, Italujo,kiu eldonas Biblian Revuon. Estas la unua afrankstampo ekster Germanujo Ĝi estas ruĝa. Krom ronda tagstampo, adreso de la asocio kaj enkadrigita afrank-valoro kun surskribo POSTE ITALIANE ĝi portas la nomon de la organo BIBLIA REVUO.

Mi estas certa, ke al ĉiu petanto sendos IABO tiun-ĉi tre interesan novan pruvon de disvastigo de Esperanto en poŝtaj kontaktoj, kune kun propagand-flugfolio pri celoj kaj agado de la asocio. La adreso estas: Piazza Duomo 4, I-48100 Ravenna. Italio.

Esperanto-stampoj 1970

1. Unua E.stampo 1970 aperis jam la 3-an de januaro en Pollando, okaze de la 10a pola konferenco de Esperanto - instruistoj en Łódź. Poŝtoficejo Łódź 1 uzadis dum la konferenco 4-linian apudstampon kun du Esperantoemblemoj kaj teksto: Ogólnopolska konferencja nauczycieli jezyka ESPERANTO. Łódź 3 - 5. I. 1970. Koloro: nigra.

Frank Tichý

---

PENSOJ PRI STAMPOKOLEKTADO

□ En la fako stampkolektado estas tiel multaj diferencoj en la materialo kaj la maniero kolekti ĝin, ke ŝajnas al mi, ke diskuto pri tiu temo estus ne nur utila - sed necesa.

Ekzemple ni povas nomi la ekzistantajn specojn de stampoj, tiel ke ni estu certaj, ke ni ĉiam pensas pri la sama, kiam ni parolas pri stampoj. Kaj ni povas priskribi niajn postulojn pri nia specialo: Esperanto-stampoj kaj reguloj por kolektado de tiuj stampoj. Certe ekestas dum la diskuto aliaj temoj rimarkindaj.

Nun mi provas skribi specon de enkonduko pri tiu temo:

I) SPECOJ DE STAMPOJ

La ĉefa tasko por stampoj estas la nuligado de poŝtmarkoj, kaj tial nuligstampoj estas la plej grava grupo. Sed en la lastaj dekjaroj aperis stampoj de tute alia karaktero, nome la afrankstampoj, kies tasko estas anstataŭigi poŝtmarkojn. Pri tiuj poste.

A) Nuligstampoj

Tiuj stampoj troviĝas en 2 diversaj specoj:
1) manfaritaj stampoj kaj
2) maŝinfaritaj stampoj.

Pri la permanaj stampoj estas ne multe diri. Ilia naturo estas destinitaj per la nomo. Ili povas havi diversajn formojn. Plej ofte rondaj, sed ovalaj, rektangulaj, eĉ stelformaj troviĝas. Plej ofte la poŝto uzas nigran stampinkon, sed aliaj koloroj troviĝas. (Estu singarda pri la aŭtentikeco).

Maŝinstampoj same aperas diversformaj. La ĉefa diferenco inter ili kaj la manfaritaj estas, ke ili krom la ronda stamp-parto kun urbnomo kaj datoj - flanke de ĝi - havas reklamkliŝon kun teksto pri la koncerna aranĝo.

De la maŝinstampoj estas 2 specoj:
1) senfinaj bendo-stampoj konsistante de urbstampo kaj varbstampo, kiuj seninterrompe sekvas unu la alian trans la koverton: ▭ o ▭ o ▭
Unu de la 2 varbstampoj povas anstataŭ teksto havi nur sistemon de ondolinioj.
2) Ordinaraj maŝinstampoj, kiuj nur estas stampitaj unufoje sur ĉiu koverto: ▭ o aŭ o ▭ .

B) Apudstampoj

Ankaŭ ĉi tie klarigas la nomo la naturon de tiuj stampoj. Ili ne estas nuligstampoj. Ilia natura loko estas flanke (apud) je la nuligstampo sed oni povas trovi ekzemplojn, kie "apudstam-

poj" ne estas tute apude sed sur aliaj lokoj de la poŝtaĵo.

Kompreneble tiuj "apudstampoj" estas pli-malpli dubindaj vidita de "filatela" vidpunkto. Ĉu oni prave povas kunpreni ilin inter "poŝtstampoj"? Jes, oni povas diskuti tion, sed fakto estas, ke oni ne tute povas rifuzi ilin ĉar en pluraj landoj ili estas oficiale uzitaj de la poŝto mem. Ekz. je Unua-taga-koverto (UTK).

Nia postulo por aprobo de apudstampo devas esti, ke ĝi estas oficiale stampita de poŝtisto en la speciala poŝtkontoro je la koncerna okazaĵo. Se oni scias, ke tio okazis, aŭ ĉu oni povas vidi, ke ŝajne la sama stampinko estas uzita al ambaŭ stampoj (nulig-sta kaj apudsta) oni povas aprobi la apudstampon.

La dubo venas de tio, ke oni ne sur la stampo direkte povas vidi, kiu instanco faris ĝin, ĉu poŝtistoj aŭ oficistoj je la koncerna okazaĵo. Plej ofte kongreso.

La kolektantoj vere ne ŝatas tiujn stampojn. UEA-kongresoj plej ofte havas specialan nuligstampon - sed ekz. ne ĉe la 45-a UK en Bruselo. Tiu kongreso okazis en speciala, granda, permanenta kongresejo, kaj en tiu kongresejo jam estas enstalita poŝtejo ekipita kun speciala poŝtstampilo uzenda je ĉiuj aranĝoj en tiu konstruaĵo. Tial oni ne povis havi ankaŭ specialan nuligstampilon por la UK. Sed laŭ deziro de UK la poŝtistoj zorge stampis ĉiujn sendaĵojn per speciala kgr-stampo apud la nuligstampo, eĉ en alia koloro ol la nuligstampo. Tial oni povas prave diri, ke temas pri poŝta "apudstampo" - malgraŭ la kolordiferenco.

Aliloke, ekz. en Bulgarujo, oni tute ne uzas specialan kongresstampon por nuligado de la poŝtmarkoj, oni uzas la ordinaran, urban stampon. kaj okaze ke kongreso deziras apartan stampon, tiu nur povas esti "apudstampo".

C) <u>Afrankostampoj</u>

devenas de maŝinoj, kiuj privataj personoj kaj

firmaoj havas hejme, kaj per kiuj ili stampas la poŝtaĵojn anstataŭ glui poŝtmarkojn sur ili. Do, temas ĉiam pri "maŝinstampoj".

La stampo konsistas de 2 partoj: Valorstampo, kiu indikas la tarifan afrankon - kaj urbstampo kun la datoj. Sed preskaŭ ĉiam troviĝas plia stampoparto kun reklam-teksto.

Ekzistas ja tre multaj diversaj fabrikaĵoj de tiuj maŝinoj, sed ĝis nun ni nur konas stampojn faritajn per la germana maŝinmodelo: Francotyp. (mi ne scias de kiu maŝinmodelo la nova itala stampo devenas). Ĝenerale almenaŭ la poŝta parto de la stampoj (valor- kaj urbstampo) devas esti ruĝa.

II) <u>Pri katalogisado</u>

Nun, kiam ni scias, kiuj specoj de stampoj ekzistas, ni povas pripensi, kiamaniere oni povas ordigi ilin en <u>katalogo</u>.

Mi bone scias, ke eble la plimulto de la kolektantoj deziras ordigi la kolekton laŭ landoj kaj eble laŭ "fakoj". Sed - laŭ mi - oni parolanta pri tia eta temo, kiel Esperantostampoj, devus rigardi la tutan mondon kiel unu tutaĵon: "ESPERANTUJO", kaj same kiel ni faras kronologiajn listojn de poŝtmarkoj k.s. por ĉiu unuopa ŝtato, oni devus fari la liston pri Esperanto-pm kaj Esperantostampoj ĉiuspecaj kronologie por - Esperantujo.

Laŭ ĉiuj vidpunktoj tio estas la plej natura por "tema- aŭ motivkolekto".

Se oni ekzemple en nia informilo skribas pri novaj stampoj, oni en la jara listo nomas ilin kronologie por la tuta mondo ne laŭ landoj Kaj ĉar oni devas pensi, ke tuta katalogo estas dum la jaroj kreita per simpla kunigo de tiaj jaraj listoj, oni logike devas resti ĉe tiu metodo. Rigardu ekz. la liston de jaro 1969. Ĝi havas 18 - 19 numerojn de novaj stampoj de 8 diversaj landoj. Tio signifas, ke ni devas fari korektigojn kaj aldonojn en ok diversajn

lando-kolektojn. Multe pli facila kaj natura estas nur simple alŝovi la 1969-liston post la aliaj. Simpla kaj logika, ĉar Esperantujo ne nur estas konglemerato de landoj. Almenaŭ filatele ni rigardu ĝin kiel unu unuecon.

Se individua kolektanto vere deziras ordigi sian kolekton laŭlande aŭ laŭfake ( kgr. jub. eksp. memorfestoj k.t.p.) estas ja ne tro malfacila tasko por li mem - de la mondkatalogo kompili diversajn listojn laŭ lia propra deziro, aŭ oni povus en la katalogo mem havi listojn por ĉiu lando aŭ fako. Nur la landnomoj k.c. sekvataj de la koncernaj stampo-numeroj.

Sed, io de la internacieca kvalito perdiĝas se oni partigas Esperantokolekton laŭ naciaj ŝtatoj aŭ aliaj kriterioj. - Temakolekto absolute ne estas nacia - sed monda afero.

-

(IIIa parto sekvas en nr. 9)

Reinhold Jensen

---

## GLUMARKOJ

Glumarkoj 1970. (Daŭrigo)

"Kiel sekvinbero en la kolbasfino" (dana proverbo) ni povas post tiu longega babilado pri stampoj mencii unununuran novan glumarkon:

6) 25-a kgr de SAT - amikaro. 28-31 marto 1970. Beziers, Francujo. - (C) d. 40 mm. trĉ. Stelo, kastelo kaj ponto. Blanka kaj verda sur ĉokoladbruna fono.

---

Materialo por la venonta informilo devas esti ĉe mi plej malfrue la 20-an de marto. Adreso:

Reinhold Jensen
Sdr. Ringgade 77
DK - 8000 Århus C